1 NOVEMBRO 1908 Unu Numero : 15 CENTIMOJ (6 Spesdekoj) KVARA JARO. — N 42

# ★ ESPERANTO ★

OFICIALA ORGANO DE LA ★ UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO ★

Duonmonata Internacia Gazeto

**ABONO**

Unu Jaro . . . . ₰. 1.60 (4 frankoj).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

**DIREKTORO :**
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)



## Esperanto por Gejunuloj

Oni scias, ke ĉiujare eliras el la duagradaj lernejoj tre granda nombro de gejunuloj, kiuj tuj poste forveturas eksterlanden por fini siajn studojn, ellerni la enlandan lingvon kaj konatiĝi kun la labormetodoj uzataj en fremda lando. En diversaj regionoj fondiĝis specialaj societoj por instigi kaj faciligi tiun interŝanĝadon de gejunuloj, kiu, el vidpunkto pli alta, prezentas tiom de graveco por la plibonigo de la intergentaj rilatoj. Sed, pro la diverseco de la lingvoj, pro la manko de *neŭtrala* fundamento por reciproka paca sinpenetrado, tiuj penadoj ne produktas ĉiujn dezirindajn fruktojn. Tre multajn malhelpojn renkontas la junulo, kiu enloĝiĝas en fremlanda urbo : li apenaŭ komprenas kaj tute ne parolas la enlandan lingvon, kiun li lernis teorie ĉe sia lernejo ; li havas neniun konaton, kiu povas lin efike helpi por rilatiĝi kun samaĝuloj kaj por lin informi precize pri la lokaj moroj, kutimoj, labormetodoj, k. t. p., kaj eĉ se li fine trovas konatojn, li rilate al ili sin sentos konstante malhelpata kaj ĝenata pro tio ke li estas tute fremda lingve kaj more, malgraŭ la materiala alproksimiĝo. Dank'al Esperanto kaj U. E. A. tiuj baroj kaj malagrablajoj estas grandaparte eviteblaj. Efektive, ekzistas de nun en pli ol tri cent lokoj dissemitaj sur la tuta terglobo Delegitoj, kaj en la plej gravaj urboj Konsuloj por Junuloj kaj Konsulinoj por Virinoj, kiuj havas inter aliaj la taskon helpi al la enloĝiĝantaj gejunuloj, liveri al ili skribe aŭ parole ĉiujn necesajn informojn, prezenti ilin al la samurbaj Esperantianoj, peni por trovi al ili taŭgan pensionon, doni konsilojn por la plenumado de iliaj studoj, k. t. p. Tiamaniere, la alveturanto dank'al Esperanto tuj povos en plena egaleco rilatadi kun anoj de la urbo, en kiun li ekloĝas, koni kaj kompreni la lokajn kutimojn kaj instituciojn multe pli facile kaj kun spirito multe pli amika ol se li unue devus lerni la enlandan lingvon kaj batali kontraŭ tiuj diversaj baroj, kiujn starigas alilingveco kaj alinacieco. Jam, antaŭ ol servo estis organizita, junuloj povis fruktodone uzi Esperanton en ĉi tiuj okazoj ; ĉi tio estas nun tiom pli facila, kiam en diversaj lokoj ekzistas specialaj personoj, komisiitaj por tio, kaj kies servojn Esperantiano povos uzi interŝanĝe de sia kotizajo, tute same kiel regnano interŝanĝe de siaj impostoj uzas ian servon starigitan de la regno.

Por konigi tiujn tujajn servojn al la veraj interesatoj, U. E. A. komencas nun internacian agadon por kies sukceso ĝi ankaŭ petas la kunlaboron de la grupoj kaj lokaj esperantistaj societoj ; ĝi al ĉiuj direktoroj de duagradaj lernejoj, gimnazioj, edukejoj, prezentigas per niaj Delegitoj akompanataj de la estraro de siaurba grupo leteron per kiu ĝi konigas al ili la profitojn, kiujn prezentas Esperanto kaj U. E. A., dank'al sia organizo, al la gejunuloj, kiuj intencas forveturi eksterlanden. En la okazo se ili bonvolas ebligi al siaj edukatoj la uzadon de tiuj servoj, la direktoroj estas petataj organizi en sia lernejo laŭvolan Esperanto-kurson, por kies kondukado la loka grupo prezentos kompetentan instruanton. Tiamaniere, oni sin senpere turnas al la veraj interesatoj, kiuj povos kiel eble plej baldaŭ profiti servojn, kaj oni interesas ilin al Esperanto ne pro ĝia lingva propra merito, sed pro ĝia homara tuja utileco. Se nur kelkaj lernejoj en du aŭ tri malsamaj landoj komence profitas tiujn kondiĉojn, ĝi jam estos ŝatinda rezultato, ĉar tiuj gejunuloj vojaĝantaj per Esperanto, ĝin uzantaj por rilatiĝi kun homoj, kies lingvon ili ne konas aŭ malbone konas, estos pli alligitaj al nia movado kaj pli bone komprenos ĝian veran signifon, ol tiuj homoj, kiuj varbiĝis al Esperanto nur pro teoriaj lingvaj kaŭzoj ofte ŝanĝemaj.

Ni do esperas, ke ĉiuj grupoj, al kiu ankaŭ tiu agado alportos neduban profiton per varbado de novaj membroj, bonvolos kiel eble plej energie klopodi por faciligi la taskon de nia Asocio en tiu internacia samtempa agado. Ni ankaŭ tre petas la gropojn, kiuj ne ankoraŭ elektis delegiton por U. E. A. kaj dezirus partopreni en ĉi tiu agado, ke ili plej baldaŭ elektu tian reprezentanton, kiu estas por ni necesega. Ju pli multenombraj estos la lokoj, kie U. E. A. havos Delegitojn, des pli multe ĝi povos utili al siaj membroj.

H. H.

## TRA LA MONDO

### BOSNIO

Sarajevo, Oktobro 1908.

*La situacio en Bosnio ; la aneksado ; oficialaj ceremonioj ; estonteco.*

7-X-08. — Estas publikigita aneksado de Bosnio kaj Herzegovino kaj tuj eniras leĝo egalrajta por ĉiuj samlandanoj. Lia imperiestra moŝto Francisko Jozefo Ia eldonis proklamon al popolo de Bosnio-Herzegovino en kiu li konfesas ĝian maturecon kaj promesas baldaŭan konstitucion. Unufoje lia imperiestra moŝto estis sendinta propramanan leteron al barono Burian, nuna komuna financministro, en kiu li ordonas por plej frue enkonduki landan konstitucion. Aneksado estis akceptita kun grandega ĝojo kaj entuziasmo, precipe de aŭstriaj kaj hungaraj oficistoj. Al ĉiuj landoj kaj aliaj oficoj la aneksado estis tuj konigita de landregado. La urbestro de la ĉefurbo Sarajevo ordonis, ke ĉiuj urbanoj vespere ornamigu siajn domojn per flagoj kaj lumigu. Tiun ĉi tagon vespere koncertis muziko ; ĉie la paco estas konservata. Proklamo de gloro al lia imperiestra moŝto ne malaperas.

8-X. — Estis faritaj Diservoj en ortodoksa preĝejo, post kiuj la reprezentantaro de Sarajevo foriris al la nuna landestro E. M. Winzor kaj civiladlato Benko por esprimi al li plezuron kaj konsolon, kun peto, ke la landestro esprimu la estimon kaj ĝojon de ĉiuj landanoj al la imperiestra moŝto.

9-X. — Estis faritaj pontifikaj Diservoj en la katolika katedrala preĝejo ; ĉeestis ĉiuj landoficistoj, ambasadoraroj kaj eminentaj personoj de ĉiuj religioj. Okazis 101 kanonpafoj. Post la Diservo, la landestro E. M. bar. Winzor akceptis deputatarojn, inter kiuj Reis-ul-ulema A. Mehmed Teofik epf. Azabagić, romkatol. pastraro kun episkopo Sarić, ortodoksan komunumon, hispan-hebrean leĝan komunumon, hungaran societon, komercan societon, protestantan komunumon, k. t. p.

La landestro post la aneksado sendis telegramon al ministro Burian de tiu ĉi enhavo « Historia fakto de alligado de Bosnio kaj Herzegovino al la landoj kiuj staras sub sceptro de lia imperiestra moŝto Francisko Jozefo Ia ekĝojigis ĉiujn samlandanojn, precipe ĉiujn oficistojn, kiuj tridek jarojn laboras en okupitaj landoj por firmigi la lojalajn sentojn al la dinastio. Bonvolu via ekscelenco tiun ĉi esprimon interpreti en ŝtupoj de trono de lia imperiestra kaj reĝa moŝto. ».

En Sarajevo ĝis nun estis neniu eksceso, sed en malgrandaj urboj kiel Liono, Trebinge, k. a. la ĝendarmoj devis pafadi. Ortodoksanoj kaj turkoj la aneksadon akceptis kun profunda impreso, ĉar ĝis lasta momento oni pensis, ke traktado okazos al utilo de la ortodoksanoj aŭ turkoj. Inter ili oni ne povas kredi, ke la granda propagando en Bosnio malĝoje finiĝis kaj sonĝo de granda serba imperio disfalis en nenio.

La komuniko pri aneksado de Bosnio elvokis en Serbujo grandan alarmon. La popolo incitas al milito kontraŭ Aŭstrio. La registaro de Serbujo protestis en Berlino, ke Aŭstrio proklamis aneksadon kontraŭ interkonsento de jaro 1879 kaj invitis, ke Eŭropo ne akceptu la aneksadon.

11-X. — Princo Nikolo de Montenegro telegrafe esprimis al la registaro de Serbujon sian grandan malĝojon, ke Bosnio fariĝis aŭstria lando. Oni diras, ke Serbujo kunigas volontulojn kaj kunmetas fremdajn legionojn. Limo kontraŭ Serbujo estas gardata de Aŭstr. militistoj kaj 13a regimento estis mobilizita. Turkoj estas ĝis nun trankvilaj. Sultano de Turkujo estas al la Bosniaj Turkoj de nun nur kiel plej alta estro de eklezio.

Kia fariĝos la landregado en Bosnio, ĝis nun ne estas definitive difinita. Bosnia parlamento stariĝos en jaro 1910. La komuna financministraro de Bosnio-Herzegovino agados baldaŭ kiel kvara liberala ministraro. Aŭstriaj garnizonoj el Sandzak de Novi Pazar estas revokitaj kaj en mallonga tempo revenos Aŭstrion. Bosniaj elmigrintoj, kiuj post okupado, loĝis en Turkujo revenos hejmen. Estis enkondukita libereco de preso. El vidpunkto ne nur de politiko, sed ankaŭ de komerco kaj industrio, ni devas bonveni kun granda kontentiĝo la aneksadon de Bosnio kaj Herzegovino, ĉar la rilatoj, kiuj daŭradis tie ĉi, estis jam malkonserveblaj.

En parlamento de Aŭstrio estas sur la programo la aneksado de Bosnio kaj ĝia nova organizo. (*Daŭrigota*).

Fr. Čech.

### GERMANUJO

Metz, Oktobro 1908.

*La Imperiestraj manovroj.*

*** Post la imperiestra revuo la soldatoj havis nur malmultajn tagojn de ripozo kaj ili denove forlasis siajn garnizonojn por la ĉiujara divizia kaj korpusa manovro. La 3an de septembro, la imperiestro revenas Strasburgon, kie li vespere ĉeestas al dialekta komedio en Alsaca Teatro. La sekvantajn tagojn li faras kelkajn ekskursojn en aŭtomobilo, la 7an li kun la tronheredonto de Aŭstrio, la arĥiduko Franz Ferdinand, alvenas al lia kastelo Urville en Lotaringujo, en kies proksimajo la tiujara imperiestra manovro okazos.

Intertempe la ĝenerala instrukcio por ĝi estas publikigata : " Blua armeo marŝas el norda Badeno kontraŭ ruĝan armeon, kiu staras el la Moselo apud Trier. Strasburgo estas blua, Metz ruĝa fortifikajo. " La blua armeo estas formita per la XVa armekorpuso (Alsaco) la tria bavara infanteridivizio kaj bavara kavaleridivizio ; la ruĝa (malamiko) konsistas el la XVIa armekorpuso (Lotaringujo), la bavara garnizono de Metz kaj prusa kavaleridivizio A. Ambaŭ havas plie la necesajn helptrupojn kiel telegrafistojn, kompaniojn de maŝinpafilistoj, pionirojn kaj kampan artilerion, entute 2.700 oficiroj kaj 80 000 soldatoj, Prusoj, Bavaroj, Badenoj, Saksoj kaj Wurtenberganoj. Kelkaj centoj de motociklistoj nemilitaj helpas por la rapida transporto de depeŝoj. Pro la detruo de balonhalo apud Metz per fortega orkano en julio, la provo de direktebla balono en tiu jaro estas neebligita ; sed ordinaraj balonoj estas utiligataj de ambaŭ flankoj por signaloj kaj klarigado.

La 7an tiuj grandaj armeoj jam alproksimiĝis de 30 kilometroj sur la lotaringa ebenajo. La 8an, la imperiestro observas la disvolvon de la korpusoj apud Hellimer. Je tagmezo la ruĝa atakas sur la dekstra flanko kaj je la 6a vespere la batalo estas decidita al ĝia favoro. La sekvantan tagon la ruĝuloj jam de la 6a matene daŭrigas sian atakon ; sed la blua armeo sukcesas envolvi ambaŭ flankojn de la kontraŭuloj, kiu devas cedi ĝis trans la Nied-rivero, kvankam lia rizervo devigas la bluulojn al halto apud Puettlingen. Ambaŭ flankoj estas ne malproksime de Saarbrücke, kie estas le ĝenerala kvartalo de la imperiestraj invititoj kaj de multaj specialaj raportistoj de grandaj en- kaj eksterlandaj gazetoj. La vetero matene estis malhela, pli malfrue klariĝanta. Dum la nokto, la artilerio de la bluuloj blokadas la bivakojn de la malamika partio, kiu revenĝas sin per nokta vizito. Blua devas cedi kaj fortigas sian pozicion apud Bolchen. Je la 10 1/2 ĝi atakas denove kaj ree repremigas la ruĝulojn en nordokcidenta direkto.

Je la 12a kaj duono, la imperiestro komandas haltigon kaj faras la kritikon, esprimante sian plej grandan dankon por la bonega tenado de la trupoj, kiu ekskluzive dormis kelkajn horojn en bivakoj kaj havis grandajn marŝojn ; inter ili la 11a kompanio de la 8a bavara infanteriregimento faris 75 kilometrojn en la lasta tago por regajni piede sian garnizonon. Post tagmezo la imperiestro kaj liaj invititoj kiel la tronheredonto de Aŭstrio, la grandduko de Badeno, la duko de Coburg kaj Gotha, la princo Leopold de Bavarujo, la germana kronprinco forveturas. Speciala vagonaro kondukas 300 oficirojn fremdajn kaj de militarta akademio, generalstabo kaj aerveturigistoj Frankfurton kaj Berlinon.

La imperiestro aŭtomobile ankoraŭ faris viziton al la Alta Alsaco, kie li ricevis inviton por trapaŝi la francan limon, je kio li tamen devis sin deteni. Post granda akcepto en Colmar, kie li ankoraŭ pliakcentigis la germanan deziron je paco, li reveturis en la ĉefurbon, lasinte sian skriban dankon al la tuta popolo de la Rejhslando por la trovita kora akcepto.

*** Eĉ la francaj raportistoj volonte koncedas, ke la germana gubernio administris la perditajn provincojn al la bonfarto de la enloĝantoj ; sed ke iliaj koroj ankoraŭ frapadas por la estinta patrujo estas pruvita per entuziasma partopreno al malkovro de monumento por la 7208 francaj soldatoj, falintaj la 31an de aŭgusto kaj 1an de septembro 1870 apud Noiseville, starigita ĉe la bierfabrikejo " La Amikeco " en la proksimajo de Metz. Sabato, la 3an de oktobro, okazis diaj servoj al ilia memoro en la katedralo, protestanta ĉefeklezio kaj sinagogo ; kaj la 4an, 60-70,000 personoj ĉeestis al la oficialaj paroladoj de francaj kaj germanaj oficiroj kaj administracioj apud la monumento. La 18an de oktobro okazos ankoraŭ la meto de fundamenta ŝtono por monumento de imperiestro Frederik, kaj tiam la lotaringa popolo por tiu jaro denove estos trankviligita.

Haŝji.

### SVEDUJO

Nordkôping, Oktobro 1908.

*La balotoj ; striko ; la ĥolero.*

*** Dum la antaŭa monato okazis la balotoj ĝeneralaj de la deputataro (la dua ĉambro de la Sveda parlamento). Ili kaŭzis grandan ŝanĝon de l'aspekto de la popola reprezentantaro. La socialdemokrata partio, kiu gajnis preskaŭ la duoblon de sia antaŭa nombro (antaŭ 17, nun 33) kaj neniun de siaj antaŭaj reprezentantoj perdis, havas la plej grandan kaŭzon de ĝojo. Sed ankaŭ la liberala partio faris multajn venkojn. La sola perdinto estas, vere, la konservativa, kaj, ĉar la nuna registaro estas elektita el tiu ĉi frakcio, ĝi verŝajne devos eksoficiĝi ; ĉar la liberala kaj la socialdemokrata partioj kune havas plimulton da preskaŭ 50 voĉoj (la plennombro de la deputataro estas 230). Kaj oni kredas ke ili unuiĝitaj antaŭen iros.

*** Granda striko de komununaj laboristoj en Malaio, la tria urbo de la lando, ĉagrenigis multon da homoj kaj tre konfuzis la interrilatojn de la loĝantaro, eĉ de la tuta popolo ; ĝi nun finiĝis. La laboristoj, kiuj sendube rompis siajn kontraktojn kaj tial malhavis la simpatiojn de la lando, estis venkitaj, kaj eĉ la ĉefoj de ilia partio bedaŭras la senpripense igitan kaj malorganizitan strikon.

*** El la ekstero proksimiĝis terura kaj timinda malamiko — la ĥolero. Jam iafoje tia malsano kun ĝiaj ostofingroj frapis kontraŭ nia pordo, sed ĝis nun ĝi eniron ne gajnis. La karantanaj almezuroj estas zorge prenitaj, kaj kvankam iaj suspektaj kazoj troviĝis en rusaj kaj finlandaj ŝipoj, ankron jetintaj en la havenoj, tamen nenia certa kazo de ĥolero estis konstatita. Tial oni ne devas timi je la infektiĝo internacia.

J. S.

### USONO

Seattle, Oktobro 1908.

*Grandegaj arbarfajroj en Usono.*

La jus pasinta somero kredeble estos por ĉiam memorinda en la historio de Ameriko pro la grandegaj, terurigaj arbarfajroj kiuj dum la lastaj tri monatoj detruis milionojn da arboj, centojn da farmodomoj, vilaĝoj, segmuelejoj kaj kaj multajn vivojn ĉie en la norda duono de Usono kaj Kanado. Neeble estas kalkuli la tuton de la perdoj je la nuna momento, sed oni jam sufiĉe eksciis por certigi ke la rezultato estos vere terurega. La tuta teritorio de la atlantika ĝis la pacifika marbordo suferis kaj ankoraŭ ne estingiĝis la flamoj en Michigan, California kaj kelkaj aliaj ŝtatoj.

Kompreneble la tuja kaŭzo de tiuj katastrofoj estis la pluvmanko, ĉar la somero estis eksterordinare seka, sed rigardante malantaŭen dum la pasinta jaroj oni facile vidas ke la kriminala malzorgeco de la usona nacio koncerne la originalaj arbaroj estas responda. Anstataŭ uzi la plej ordinarajn rimedojn por konservi la belegajn arbaregojn kiuj antaŭe kovris la tutan landon, ŝajnas ke ĉiuj loĝantoj unuiĝis por ekstermi ilin kiel eble plej rapide. Kiel plene ili sukcesis pri tio la jusa raporto de la usona registaro bone montras. Tiu raporto diras ke laŭ la nuntempa eluzado de la arbaroj en Usono ili tute malaperos post nur dekkvar jaroj, eĉ ne kalkulante la teruran ĉiujaran perdon kaŭzatan de fajro !

Car Usono estas tre granda lando kaj antaŭe havis arbaregojn ŝajne senlimajn, nur dum la lastaj jaroj onis komencis diskuti la eblan finiĝon de ili. Sed jam estis tro malfrue, ĉar preskaŭ la tutaj arbaroj estis pasintaj en la manojn de privataj individuoj aŭ korporacioj po tre malgrandaj aŭ neniaj prezoj. Kompreneble la sola intereso kiun tiuj havas en la arbaroj estas profiti kiel eble plej multe el ili, kaj la

metodoj uzataj en la detranĉado de la arboj estas tute detruigaj. Oni senkompate dehakas ĉiujn arbojn sufiĉe grandajn por la segmuelejoj, lasante la suprojn kaj branĉojn kie ili falas. Sekiĝante dum la somero, tiaj forjetajoj postulas nur la plej malgrandan fajreron por naski teruran fajregon. La fajro ne nur detruas la rubajojn sed ankaŭ la arbojn tro malgrandajn por la segejoj, la semoj kaj la fertilecon de la tero, tiel ke ĝi ne malofte tute ne taŭgas por la celo.

En la ŝtato Wisconsin, kiu ampleksе egalas Francujon, kaj kie antaŭ 40 jaroj oni ridis la ideon ke la gigantaj tieaj arbaroj iam eluziĝos, oni povas nun trаveturi la tutan ŝtaton vidante nur nigrajn stumpojn kaj malgrandajn kreskaĵojn. Same en multaj aliaj ŝtatoj, kaj tiel bone faris la homoj kaj fajro sian laboradon ke nur en la ekstremnordokcidentaj ŝtatoj nun troviĝas grandaj arbaroj. Oni ja diras ke la granda plimulto el ili apartenas al unu sola homo nomita Weyerhaeuser, kiun multaj opinias esti la plej riĉa en la mondo.

Neeble estas kompreni la kvanton de lignaĵoj ĉiujare dehakitaj el la bedaŭrindaj usonaj arbaroj, sed mi donas kelkajn ciferojn :

La pasintan jaron oni uzis en la minejoj ĉirkaŭ 3,000,000 arbojn, la fervojoj postulis 102,000,000 " ties ", (subrelrabojn), la fabrikistoj de alumetoj uzis multegajn pinarbojn por la 700 000,000 alumetoj kiujn ili fabrikis, kaj por telegrafstangoj, krajonoj, bareloj, paperoj, domlignajoj kaj la miloj da alispecaj celoj oni detruis tiom da arboj, grandaj kaj malgrandaj, ke la kvanto ne estas kalkulebla.

Memorante ankaŭ ke oni nek plantas novajn arbojn nek gardas kontraŭ postfajroj, ne estas malfacile ekscii ke la ekstermo de la tutaj arbaroj usonaj estas fakto tre baldaŭ farota — se la nacio ne tuj vekiĝos. Feliĉe vidiĝas multaj montroj ke ni ne devas tute malesperi sed la difektiĝojn jam farita al la amerikaj arbaroj kredeble postulos jarcentojn por ripari, se tio iam estos ebla.

Antaŭ kelkaj jaroj la registaro komencis rezervi grandajn terpecojn en diversaj partoj de la lando, precipe okcidentaj, por la kreskado de arbaroj kaj la taŭga konservado de tiuj ankoraŭ restantaj sur ili. Nuntempe la " Forest Reserves " (Rezerlokoj por Arbaroj), enhavas multajn milionojn da hektaroj, kie loĝadi ne estas permesata kaj la plej bonaj modernaj metodoj uziĝas por konservadi kaj kreskigi la arbarojn. Bedaŭrinde sur la plej granda parto de ĉi tiu teritorio oni antaŭe detruis la arbojn sed la registaro havas bone edukitan aron da profesiaj arbaristoj, kun speciaj helpantoj por gardi kontraŭ fajroj kaj ŝtelistoj, dum la penado sukcesigi la junajn arbojn sur la montflankoj plantitajn multon promesas por la estonteco. Ne estas malfacile por la registaro akiri tiajn terpecegojn post la dehakigo de la arboj kaj ĉiu jaro vidos kontentigajn aldonojn al la naciaj arbriĉajoj.

Charles E. RANDALL.

## Kroniko Politika

Oni povas antaŭvidi, ke la tiel nomata Orienta demando dum kelkaj monatoj anstataŭos kun ĉiuj ĝiaj subitaj saltoj, surprizoj kaj naciaj intrigoj la ĝisnunan Marokan aferon. Kiel en ĝi, konferenco de diplomatoj estis proponita por solvi la malkonsentojn, tio estas por sankcii la distranĉon de Turkujo kaj interŝanĝe fordoni al ĝi kelkajn dubajn financajn kompensajojn. Oni tiamaniere ricevus novan solenan traktaton, kiu daŭrus proksimume kiel la fama akto de Algesiras, kiu, oni rememoras, estis solvonta la tutan Marokan demandon kaj starigonta lojalan fondamenton por paca enpenetrado de la Eŭropa civilizacio... Sed tute same kiel antaŭ Algesiras, la programo de la projektita konferenco kaŭzas disputojn kaj sennombrajn intrigojn, tiom pli ke la solvota problemo estas iom malfacila : amputi Turkujon je Bulgarujo, Bosnio kaj Kreto, redoni al ĝi ion, kion ĝi jam posedis (sandjako de Novi-Bazar), distranĉi kelkajn pecojn de tiu redonajo por la suferintoj de la lasta operacio (Serbujo kaj Montenegro), tiel ke ili ne tro laŭte resonigu siajn plendojn kaj ne difektu la kunvenon per tro sincera kormovo, zorgi ke Turkujo, post tiuj amputoj, havu la klaran senton, ke ĝi estas pli forta kaj pli netuŝebla ol iam kaj ke Eŭropo plej simpatie helpas ĝian reviviĝon. Aldonu al tio de ludaron de la « kora interkonsento », « triobla interkonsento », « triobla kunligo », kiuj eĉ ne sufiĉas por klarigi la aferon, ĉar, efektive, Britujo, kvankam kore interkonsentanta kun Rusujo tute ne deziras, ke la militŝipoj de ĉi tiu lasta povu trapasi Bosforon, ke Italujo kvankam solene kunligita kun Aŭstrio ne ŝatos, ke ĉi tiu tro fikse rigardu al suda Balkano, ke, fine, la nerekta aŭtoro de tiu skandalaro, Aŭstrio, estas vasta korpo, kies internaj partoj senĉese baraktas unu kontraŭ la aliaj, kaj ni havos ideon de la tasko per kiu sin okupos la Eŭropa diplomataro por savi la mondan pacon... Feliĉe, jam de kelkaj jardekoj tute progreso : antaŭe, tiuj konfuzajoj solviĝis en la sango de malfeliĉuloj, kiuj plej ofte ne sciis eĉ unu vorton pri la demando, en kies nomo iuj ilin ekscitis; nuntempe — certe ne dank'al la diplomatoj — oni iom pli respektas sangon kaj batalas pli volonte per paperoj kaj kartaroj, ĝis kiam ĉi tiuj reprezentos pasintan aĝon de la homaro, kiun alo vibrigos.

A. R.

## La Faktoj

*21 Septembro.* — *Pau* (Hispanujo) — Mortas Nikolo Salmeron estro de l'respublikana partio.
*Parizo.* — Terura brulado detruas la palacon de l'telefonoj. — Mortas violonisto Pablo de Sarasate. — Inaŭguro de jara masona kongreso.
*Rio-de-Janeiro.* — Inaŭguro de belarta ekspozicio.
*22. Francujo.* — Eksplodo sur la kirasŝipo « Latouche-Tréville » ; mortas 11 maristoj.
*Bohama Insularo.* — Ciklono dezertigas la tutan insularon.
*23. Piacenco.* — Malfermo de l'dua internacia kongreso de l'kunhelpantaj terkulturaj Asocioj.
*Peterburgo.* — 400 personoj mortas de l'ĥolero; 155 mortintoj en unu tago
*Romo.* — Inaŭguro de internacia gimnastika konkurso en Vatikano
*Pau.* — Oni malkovras komploton kontraŭ reĝo Alfonso.
*25. Konstantinoplo.* — La registaro sendas cirkuleron al la ŝtatoj ilin petante propeti Bulgarujon pro la okupo de l'orientaj fervojoj.
*Peterburgo.* — Disvastiĝo de l'ĥolero en Rusujo.
*Berlino.* — Vagono de l'urba fervojo falas de 14 m. de alto ; 16 mortintoj
*27. Pontedero.* — Inaŭguro de monumento al skulptisto kaj arkitekturisto Andreo el Pontedero.
*28. Desio* (Plej Granda Lago). — Renkonto de ministroj Iswolki kaj Tittoni.
*Firenzo.* — Inaŭguro de Kongreso de l'Instituto de internacia leĝoscienco.
*29. Parizo.* — Mortas pentristo Alberto Maignan. — Farman trairas per aeroplano 37 kilometrojn dum 40 minutoj.
*30. Madrido.* — Grandioza manifesto por rememorigi la datrevenon de l'revolucio de 1868.
*Parizo.* — Inaŭguro de la aŭtuna Salono.
*1 Oktobro.* — *Smirno.* — Ektuŝego de du vaporŝipoj ; 15 dronintoj.
*3. Parizo.* — Wilbur Wright kun alia pasaĝero flugas 55 minutojn kaj duonon, trairante 50 kilometrojn.
*Lago de Bracciano.* — Prosperaj provoj de l'unua itala milita direktebla aerostato.
*4. Parizo.* — Imperiestro Francisko Jozefo sendas al prezidanto Fallières aŭtografan leteron.
*5. Sofio.* — Proklamo de la sendependeco de Bulgarujo en Tirnovo. Ferdinando caro de l'nova ŝtato.
*6. Vieno.* — Imperia proklamo anoncas la anekson de Bosnio-Herzegovino al Aŭstrio
*7. Vieno.* — Aŭstrio forlasas la profitojn al ĝi donitajn de l'artikolo 29 de l'traktato de Berlinon kaj revokas la soldataron el la sanĝiako de Novi Bazar.
*Kaneo* (Kreta insulo). — Kretanoj proklamas kunigon de l'insulo al Grekujo.
Oni anoncas internacian konferencon pri la orienta demando.
*5. Parizo.* — Inaŭguro de l'internacia kongreso de l'malvarmo ; 43 regnoj reprezentitaj.
*6. Vieno.* — Aneksado de Bosnio-Erzegovino a Aŭstria imperio.
*Parizo.* — Wilbur Wright kun alia pasaĝero restas en sia flugmaŝino 1 horon 4 min
*7. Cetinjo.* — Montenegro protestas ĉe ĉiuj nacioj pro l'anekso de Bosnio-Herzegovino al Aŭstrio kaj anoncas sia liberigita de ĉiuj devoj de l'Berlina kontrakto.
*8. Venizo.* — Inaŭguro de monumento de muzikisto Wagner.
*Kaneo.* — Oni publikigas dekreton pri la aneksado de Kreto al Grekujo.
*9. Belgrado.* — Gravaj manifestadoj kontraŭ Bulgarujo kaj Aŭstrio kies standardo estas bruligita de l'popolamaso.
*10. Berlino.* — Komenciĝas la aerveturadaj konkuroj.
*Parizo.* — Wilbur Wright gajnas per sia flugmaŝino la premion de duomiliono da frankoj.
*12. Romo* — Inaŭguro de internacia kongreso de l'Sociaj Asekuroj.
*Madrido.* — Inaŭguro de nova kunsido de „ Cortes ".
*Parizo.* — Fermo de l'kongreso de Malvarmo.
*Belgrado.* — Sekreta kunsido de la Supĉino pri la konduto kontraŭ Aŭstrio kaj Bulgarujo.
*14. Parizo.* — Morto de l'pentristo Karolo Landella.
*Berlino.* — Inaŭguro de konferenco por la rajtoj de la verkistoj.
*Londono.* — Oni malpermesas al la virinoj ĉeesti la kunsidojn de l'deputataro.
*15. Michigam.* — Teruraj bruladoj en la arbaroj de Presqu'Ile en Ameriko. Helpvagonaro estas bruligita ; 27 mortintoj.
*Lapallice.* — La submara ŝipo „ Fresno " ektuŝegas kontraŭ havena trabajo kaj malfosiĝas. La maristoj sukcesas sin savi.
*18. Romo.* — Inaŭguro de l'kongreso de l'Italoj en eksterlando.
*Tokio.* — Mortas generalo Nodzu.
*Firenco.* — Malfermo de ļa kongreso de l'italaj sciencistoj.
*19. Parizo.* — Ekziĝo de Thomson ministro de l'maristaro.
*Rezensburg.* — Inaŭguro de l'busto de Bismarck en la templo de Wahalle.
*20. Berlino.* — Malfermo de la deputataro per parolado de l'imperiestro.
*Berlino.* — Edziĝo de la princo Aŭgusto-Wilhelmo, trianaskisto de l'Imperiestro kun princino Aleksandra Viktnia Holstein-Gluksburg.

A. TELLINI.

## Niaj enketoj

V.

### Juĝa organizado

**(Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj)**

**La juĝa organizado en Francujo [1]).**

II. *Eksterordaj juĝistaroj.* — *Komercaj juĝistaroj.* — Por juĝi la komercajn procesojn estas « komercaj tribunaloj » en la plej multo da distriktaj ĉefurboj, eĉ en kelkaj kantonaj ĉefurboj kies loĝantaro kaj industrio estas tro gravaj. La leĝo lasas al la registaro la zorgon ĝin krei kie ĝi ŝajnas necesa. Kie ĝi ne ekzistas, ĝiaj funkcioj estas plenumataj de la tribunaloj civilaj.

La komercaj tribunaloj juĝas pri la komercaj procesoj, kies la difino kaj la denombro estus tro longaj, kaj ĉio kio rilatas al la bankrotoj.

La komercaj kaj la civilaj tribunaloj juĝantaj komerce, juĝas senapelacie se la procesantoj deklaras ke ili volas juĝiĝi senapelacie, aŭ se la valoro de la proceso ne superas 600 Sm.

La juĝistoj de la komercaj tribunaloj estas elektataj en kunveno de gravaj komercistoj, precipe de la estroj de la firmoj la plej malnovaj kaj estimindaj. De nelonge la virinoj, firmestrinoj, povas esti enskribataj en la listo de la elektantoj, sed ne estas elekteblaj. La prezidanto kaj la juĝistoj estas elektataj inter la komercistoj farintaj aŭ farantaj la komercon. Iliaj povoj daŭras 2 jarojn. Ĉiu tribunalo enhavas prezidanton, minimume 2 juĝistoj, helpjuĝistojn, kaj juĝregistriston (greffier) oficdonatan de la registaro.

*Juĝistoj de la paco.* — La juĝistoj de la paco estas kreitaj de la Konstitucia Deputataro, kiu elprenis tiun institucion el Holandujo. Por ke, apud la landanoj, estu magistrato komisiita por pacigi la malkonsentojn, ekzistas en ĉiu kantono pacjuĝisto, helpata de du anstataŭantoj, kiuj nur juĝas kiam li estas malebligata. Lia principa misio estas akordi la procesontojn, sed lia kompetenteco etendiĝas en tre multaj objektoj, difinitaj de la leĝo de 12 julio 1905. Sufiĉos, por eviti tro longan denombron, diri ke ĝenerale, krom la nemoveblaj kaj komercaj procesoj pri kiuj li ne havas juĝrajton, li estas kompetenta ĝis valoro da 125 Sm. senapelacie, kaj ĝis valoro 250 Sm. unuinstance. La apelacioj kontraŭ liaj juĝoj estas alvokataj antaŭ la civila tribunalo.

La pacjuĝistoj estas eksigeblaj, kaj eksterklasigeblaj, sed nur laŭ la avizo de Komisiitaro formita el altrangaj magistratoj.

*Arbitraciaj konsilantaroj* (Conseils de prudhommes). — La misio de Arbitracia konsilantaroj estas akordigi kaj juĝi rapide pri la malkonsentoj inter la laboristoj kaj la mastroj, rilate al ilia laboro ; ĝi ekzistas nur en la industriaj homdensejoj.

La anoj de tiuj konsilantaroj estas elektataj duone inter la mastroj, kaj duone inter la laboristoj. La konsilantaro havas ses anojn, kaj plie prezidanton kaj vicprezidanton, ĉiujn elektatajn dum ses jaroj. La duono ĉiutrijare renoviĝas. Ĉe ĉiu konsilantaro estas sekretario, kiu plenumas la funkciojn de registristo. La konsilantaro dividiĝas inter du fakoj, la speciala, aŭ akordiga fako, kunmetata de unu mastro kaj unu laboristo, havas mision akordigi la procesontojn; se ĝi ne sukcesas, ĝi sendas ilin antaŭ la ĝenerala, aŭ juĝa fako, kiu juĝas senapelacie se la valoro de la malkonsento ne superas 120 spesmiloj ; super tiu valoro estas ebla apelacio antaŭ la civila tribunalo.

*Kasacia kortumo* (Cour de Cassation). — La unueco de leĝaro estus vana vorto se la leĝo estus administrata diversmaniere ; tiel estas kreita la Kasacia kortumo, supera tribunalo, kies duobla misio estas respektigi la leĝon kaj konservi la unuecon en la interpreto de la leĝo ; ĝi ne estas supera grado de juĝistaro, ĉar ĝi ne povas juĝi denove la faktojn jam prezentatajn al la unugradaj juĝistaroj, ĝi nur ekzamenas ĉu la leĝformoj kaj la leĝo estas obeitaj ; se ĝi konstatas malrespekton ĉu de la formoj, ĉu de la leĝo, ĝi rompas, aŭ nuligas la decidon tiel difektan, kaj, laŭ la okazoj kaj la objektoj, ĝi sendas aŭ ne la proceson antaŭ tribunalon aŭ kortumon alian ol tiu kies decido estas nuligita, por ke ĝi tie estu rejuĝata. Se tiu ĉi tribunalo aŭ kortumo juĝas same kiel la unua tribunalo, la Kasacia kortumo, ree tuŝata per apelacio, faras solenan kunsidon, kie kuniĝas la tri ĉambroj, kaj eldiras juĝon kiu iĝas deviga por la tria tribunalo aŭ kortumo al kiu ĝi sendas la proceson, sed ĝia juĝo estas deviga nur por la proceso tiel juĝita, kaj ne deviĝas, estonte, la aliajn juĝistarojn. Estas tiel en civilaj, aŭ kriminalaj procesoj.

La Kasacia kortumo, kiu troviĝas en Parizo, enhavas 49 anojn, ĉefprezidanton, tri prezidantojn de ĉambro, kaj 45 konsilantojn. La ŝtata persekutistaro konsistas el unu prokuroro ĝenerala kaj ses advokataj ĝeneralaj. Sesdek advokatoj plenumas la duoblajn funkciojn de advokato kaj de prokuratoro. La Kasacia kortumo konsistas el tri fakoj, nomitaj ĉambroj, 1e la ĉambro de la postuloj (chambre des requêtes) kiu ekzamenas la apelacion : se tiu ĉi al ĝi ŝajnas praviga, ĝi akceptas la postulon, kaj transsendas la proceson al la ĉambro civila ; se kontraŭe la apelacio ŝajnas malpraviga, ĝi ĝin rifuzas. En la kriminalaj procesoj la apelacioj estas senpere prezentataj al la ĉambro kriminala.

La Kasacia kortumo juĝas nur pri la apelacioj el la procesantoj, ĝi ankaŭ juĝas, sekve de la persekuto de ĝenerala prokuroro, pri : la ekscesoj de potenco (excès de pouvoir) riproĉataj al juĝistoj, la determinoj inter juĝistoj (règlements de juges), la kulpigoj kontraŭ la juĝistoj en la okazo de trompo, elpreno, rifuzo de justeco (prises à partie en cas de vol, concussion, déni de justice) pri la demandoj de revizio, k t.p.

Fine, kiel supera konsilantaro de la magistrataro, ĝi agas pri la disciplinaj persekutoj (poursuites disciplinaires).

Ni ne povas fini tiun ĉi tro longan raporton, ne parolinte pri la advokatoj kaj la prokuratoroj, utilaj kunlaborantoj de la magistrataroj, kaj spertaj konsilantoj de la procesantaroj. Ili ekzistas ĉe ĉiu tribunalo kaj kortumo ; la prokuratoroj povas nur helpi la procesanton ĉe la juĝejoj kie ili estas estimindaj, kaj tie nur ili povas, plenumas la procesformojn, kaj povas nur pledi kie ne ekzistas sufiĉe da advokatoj. Tiuj ĉi havas rajton pledi antaŭ ĉiuj juĝistaroj, ne estas profesio pli estimata aŭ pli estiminda.

III. *Kriminalaj juĝistaroj* (juridictions criminelles). — La kriminalaj juĝistaroj estas fonditaj en la sama ordo ol la civilaj.

La pacjuĝistoj havas rajton pri la malgravaj malobeoj kontraŭ la leĝo, puneblaj per puna monosumo ĝis 6,4 spesmiloj, kaj per malliberejo ĝis 6 tagoj.

La civilaj tribunaloj juĝas, kiel korekcionalaj tribunaloj (tribunaux correctionnels) pri la leĝdeklinigoj puneblaj minimume per puna mono de 6,4 spesmiloj ĝis sumo leĝe fiksita, kaj per malliberejo de 6 tagoj ĝis 5 jaroj, eĉ 10 jaroj en la okazo de rekulpo.

La asiz-kortumoj (cours d'assises) havas, ĉiutrimonate, en ĉiu departemento, kunsidon kie ĝi juĝas pri la krimoj ĝenerale puneblaj de punoj superaj al 5 jaroj, ĝis la punlaboro vivdaŭra, kaj la mortpuno. Li estas kunmetataj : 1e de tri konsilantoj el la apelacia kortumo, kies unu prezidas, 2e de 36 juĝantoj (jurés), el kiuj en ĉiu proceso, 12 estas lotataj, kiuj decidos ĉu la kulpigito estas kulpa. La prezidanto kaj la du helpantaj konsilantoj (conseillers assesseurs) juĝas nur pri la juraj demandoj, kaj la aplikado de la leĝo kaj de la puno.

La funkcioj de la ŝtata persekutisto estas plenumataj : apud la asiz-kortumo de prokuroro generala ; advokato ĝenerala, aŭ substituto ; apud tribunalo korekcionala, de prokuroro de la Respubliko, aŭ substituto ; apud la pacjuĝisto, de polica komisario, aŭ urbestro, aŭ suburbestro speciale komisiita.

La decidoj eldiritaj en unua instanco estas, en okazo de apelacio, juĝataj en dua instanco : tiuj el la pacjuĝisto, de la tribunalo korekcionala ; tiuj el la tribunalo korekcionala de la ĉambro korekcionala de la apelacia kortumo.

Ne estas apelacio kontraŭ la decidoj de la asiz-kortumo, kiuj estas superegaj, sed la kondamnito, kaj la ŝtata persekutisto povas kontraŭpeti al la kasacia kortumo, kaj, neniam senkulpigito estas povas esti ree juĝata pri la sama krimo. Se la decido de la asiz-kortumo estas nuligita profite de la kundamnito, la proceso estas sendata, por esti denove juĝata, antaŭ asiz-kortumo, sed en alia departemento.

Ni parolos nur por ĝin citi la militajn tribunalojn, kiuj havas rajton pri la krimoj kaj la leĝdeklinigoj faritaj de la militistoj kaj maristoj de la mara armeo, al kiuj estas administrata la milita leĝaro.

Italujo, Belgujo, kaj la Granda Duklando-Luksemburga konservis la francan juĝorganizadon, kiu estis starigita en tiuj landoj, dum la unuaj jaroj de la 19a centjaro, kiam ĝi estis parto de la Franca Imperio ; ĝi konservis ankaŭ, kun kelkaj ŝanĝoj, la civilan leĝaron (code civil) nomatan leĝaro « Napoleono ».

De kelkaj jaroj la Japanoj, celante unuiĝi sian leĝaron alprenis la francan juĝorganizadon kaj nian civilan leĝaron kun necesaj aranĝoj. Se por la elekto de magistratoj ili alprenis estas dezirinde ke ili ĝin uzu libereme kaj klopodu por havi magistratojn kiuj estos prefere la servistoj de la leĝo pli ol tiuj de la potenculoj.

G. BOTTIN,

*Juĝisto, ano de I. S. E. J.*

1) Vidu ESPERANTO, Noj 36-37.

# ESPERANTO

## MOVADO ESPERANTISTA

### Notindaĵoj.

*Britujo :* Fondiĝis Federacio de la Esp. Societoj de Londona regiono, sub prezido de H. B. Mudie. En Britujo ankaŭ plimultiĝas la regionaj federacioj En la tuta lando granda nombro de kursoj. — *Belgujo :* De la monato novembro la oficiala organo de la Belga Esp. Ligo estos la « Belga Esperantisto ». — *Francujo :* Sukcesaj paroladoj de S-ro Privat en Calais, Armentières, Amiens, Lyon; de S-ro Grodvolle, en Tours, k. t. p. — *Germanujo :* En Saksujo fondiĝis Instituto Esperanta ; en Dresdeno pli ol 1500 personoj partoprenas en la Esp. kursoj. — *Holando :* Fondiĝis grupoj en Dordrecht, Haarlem, k a. ; la Holanda Societo havas nun propran gazeton, sub titolo « Holanda Pioniro ». — *Hungarujo :* Laŭ permeso de la ministro, la oficiroj povas nun aliĝi al Esp organizaĵoj. — *Rumanujo :* Novaj grupoj en Braila, Teauci kaj aliaj urbetoj ; la geregoj sendis afablan telegramon al la ruman-bulgara kongreso Esp en Shumen. — *Rusujo :* La grava gazeto « Vjestnik Znaja » daŭrigas aperigi gravan Esp. aldonon « Espero », kiun ĝi sendas al ĉirkaŭ 10.000 personoj Subteninda entrepreno.

### Bibliografio.

*Zamenhofaj Vortoj* (netroveblaj en la U. V.; Centra Oficejo. $ 0,40). — *Fundamento de Esper.* (eldono Rumana ; Paris - Hachette. $ 0,40). — *Higieno kaj Moralo* (studo dediĉita al la junularo, de D-ro Good ; Presa Societo, Paris $ 0 30). — *La Kialo de la Vivo* (broŝuro teozofia ; Presa Societo, Paris). — *Katalogo de la Biblioteko de S-ro Georg Davidov* (Davidov, Saratov. $ 0,50). — *Kio povas okazi, se oni donacas surprizon* (de F. Reuter, trad. cefeĉ ; 2a eldono) — *Internacia Legolibro* (1a parto, de E. Stark & F Rochmann ; Magdeburg. $ 0 60). — *Esperanto La ĉiutaga vivo* (lernilo Fr. Swagers & A. Finet ; Anvers. $ 0,40). — *Esperanto Manual* (plena lernolibro kaj legolibro, de F-ino M. L. Jones ; British Esp. Association, London $ 0,80). — *Esperanto for the English* (Milner & Co, London. $ 0,25). — *The Pictorial Esperanto Course* (de Th. Cart & W. Mann ; British Esp. Association. London. $ 0,60). — *Curs complet Esperanto* (lernilo por Rumanoj ; Dor P. Cuco. Bukareŝto. $ 0,40).

### Gazetaro.

*Tra la Filatelio* (monata organo por kolektistoj ; J. Fize, Beziers. 1 $ jare). — *Informaj Raportoj* (organo de germanlingvaj Esp. Aŭstriaj grupoj ; Ahlgrimm, Bandgasse 31. 1 $ jare). — *Esperanto-Student* (Rutherford, New-York. 1 $ jare). — *La Espero* (semajna folio. Des Moines (Usono) ; $ 0,25). — *Holanda Pioniro* (oficiala organo de la Holanda Esp. Societo : de Hann' Bantamwerstr. 11. Amsterdam ; $ 0,85).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

OFICIALA INFORMILO

## Konstanta Mondonacado por U.E.A.

Responde al la alvoko publikigita en antaŭa numero, la jenaj personoj bonvolis mondonaci por U. E. A. (La personoj montritaj per * estas bonfarantaj membroj).

| | |
|---|---|
| 2a Listo | S. 183,76 |
| Jean & Jules Borel, Berlino | S. 40—*+ |
| C. Bartolo, Teruel | S. 0,80 |
| J. Belenguer, Teruel | S. 0,80 |
| P. A. H. Muschamp, Zürich | S. 1,04 |
| A. Vejtcler, Rostov | S. 0,90 |
| J. W. Western, London | S. 1,86 |

Entute 229,12 S. Ni tutkore dankas la mondonacintojn kaj esperas, ke multaj, ĉu grupoj, ĉu personoj, ilin imitos kaj bonvolos finance helpi al la disvastigo de U. E. A. La personoj, kiuj pagos almenaŭ 10 S. estos konsiderataj kiel bonfarantaj membroj de U. E. A. Plie, ĉiuj donacoj sub la nomita sumo estos danke akceptataj. Oni sendu ilin al ESPERANTIO, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo).

**Fako 1a. — Administrado.**

*Voĉdonado.* — La voĉdonado pri la neprovizora regularo de U. E. A. kaj la kotizajo por 1909 liveris la jenajn rezultatojn :

| | Regularo | Kotizaĵo por 1909. |
|---|---|---|
| Voĉdoniloj ricevitaj | 106 | 106 |
| Jes | 103 | 94 |
| Ne | 3 | 11 |
| Ne voĉdonis | — | 1 |

Konsekvence la Regularo estas akceptita kaj la kotizajo por 1909 fiksita je 36 Sd. La protokolon subskribis S-roj Hodler, Mallet, de Saussure, esperantianoj de la regiono Genevo. Inter la 11 personoj, kiuj voĉdonis kontraŭ la proponita kotizajo, kvin proponis 24 Sd., du 40 Sd., unu 12 Sd., unu 48 Sd., unu 2 S., du 30 Sd.

Post la tempolimo ni ricevis ankoraŭ voĉdonilojn ne supre enkalkulitajn ; ĉiuj voĉdonis jes pri ambaŭ punktoj, tiel ke entute la regularon estas akceptita de 118 voĉoj kaj la kotizajo de 109.

*Avizoj al la Delegitoj kaj Subdelegitoj.* — Fine de oktobro, ni sendis al ĉiuj Delegitoj cirkuleron kun balotilo por la balotado de la U. E. A. komitato por 1908-1909. La lasta tempolimo por la balotado estas la 30a de novembro.

⁂ Al ĉiuj Delegitoj kaj Subdelegitoj de U.E.A. estas samtempe adresita detala cirkulero pri la repagigo de la kotizajo, kun provizo da markoj, novaj membrokartoj, novaj aliĝiloj kaj ĉiuj necesaj klarigoj. Ni esperas ke ĉiuj fervore laboros por havigi al ni kiel eble plej multajn membrojn en sia regiono. Ni speciale insistas por ke niaj Del. kaj Subdel. varbu al nia Asocio la lernantojn de la kursoj, tiel ke tuj post sia studo ili povu ricevi ian utilon de Esperanto.

*Al la izolaj Esperantianoj.* — Ni informas la membrojn de U. E. A. kiuj loĝas en regionoj, kie estas nek Del. nek Subdel., ke la kotizajo por 1909 estas fiksita je 36 Sd. kaj estas tuj de nun repagebla.

*Paroladoj.* — Nia bonkonata samideano Ed. Privat faris paroladojn pri la „ Sukcesoj de Esperanto en Eŭropo kaj Ameriko " kaj pri U. E. A. en Calais, Armentières, Amiens, Saumur, Lyon, Lausanne ; ĉie li ricevis plej grandan sukceson.

*Gazetaro.* — En la lasta tempo la jenaj gazetoj favore raportis pri U. E. A. : *Viitorul* (Bukarest), *Don Marzio* (Napolo), *Journal de Genève*, *La Petite République*, *Le Rappel*, *Le Petit Echo de la Mode*, *El Noticiero Bilbaino*, *De Nieuwe Gazet*, *La France*, *L'Indépendant de la Corrèze*, *La Dépêche*, *Le Réveil de la Manche*, *E Nea Samos*, *Accio Catalana*, *La Nazione*, *Basler Nachrichten*, *El Pueblo Vasco*, *La Regeneracion* (Tenerife), *El Tiempo* (»), Diario de Tenerife, k. t. p., k. t. p. Inter la Esp. gazetoj : *Pola Esperantisto*, *Rumena Esperantisto*, *Germana Esperantisto*, k. t. p.

Fine, en la bonega *Esperanto Manual*, verkita de F-ino Jones, U. E. A. del., aperis kiel legajo artikolo pri la „ Utileco de Esperanto kaj U.E.A. ", verkita de H. Hodler. Imitinda ekzemplo, ĉar guste al la lernantoj oni tuj devas konigi la profitojn riceveblajn per nia Asocio.

⁂ Ni tre insiste petas niajn Del., Subdel. kaj membroj, ke ili laŭeble konigu U E A. al la publiko per lokaj gazetoj, prezentante la nunan utilecon de nia Asocio kaj la diversajn servojn organizitajn de ĝi. Oni ĉiam sendu al ni unu ekz. de la gazetoj, en kiuj aperas artikolo pri U.E.A.

*Varbado de novaj Delegitoj kaj Subdelegitoj.* — S-ro Ern. Pointer (Kurskaus Rieg, Eppstein-in-T., German.) bonvolis preni sur sin la taskon varbi novajn Del kaj Subdel. Por ĉi-tio li baldaŭ sendos cirkulerojn al ĉiuj grupoj por ke ili elektu U. E A. Delegiton kaj al izolaj Esp-istoj por ke ili akceptu esti Subdelegitoj. Ni tre esperas, ke la interesatoj respondos plej baldaŭ, tiel ke nia agado estu kiel eble plej samtempa kaj internacia. La Del. kiuj dezirus sendi cirkulerojn pri Subdel. al izolaj Esp-istoj de sia regiono bonvolu ilin peti de ni.

*Novaj grupaliĝoj.* — De la lasta no, la jenaj grupoj elektis delegitojn :

*Durham* (Angl.). — S-ro W. E. Massey (28, Constance Str.).
*Falun* (Svedujo). — S-ro Fredrik Skog (Esp-Of.).
*Hull* (Anglujo).— S-ro J. W. Coulson (98 Freehold).
*Le Locle* (Svis.).— S-ro Humberset (Industrie 27).
*Tours* (Franc.)— D-ro Grodvolle (19, r. de Buffon).

La Delegito de *Braunschweig* estas nun S-ino Käthe Jahns (Fasanenstr. 22)

S-ro Bartolo (*Teruel*, Hispanujo) varbinte 20 Esperantianojn fariĝas *Delegito* anstataŭ Subdel.

F-ino G. Monster (*Kopenhago*) eksiĝas kiel Delegitino. La Delegito en Kopenhago estas nun S-ro Skeel Giorling (Narre Fariwagsgade 50).

Entute 332 lokoj kun 241 delegitoj kaj 156 subdelegitoj.

*Subdelegitoj :*

6a Listo de subdelegitoj :

*Almeria* (Hispan.). — S-ro G. Paramo (15, Pl. Constitucion).
*Cambridge* (Anglujo). — S-ro Neville Borton (Burwell Vicaraga).
*Durban* (Natal-Sudafriko). — S-ro J. Duart (38, Victoria Str.).
*Kamienietz Pod* (Rusujo). — S-ro A. Prager, teknikisto.
*Kiev* (Rusujo). — S-ro S. Kendrjatov (Puŝkinskaja 30 Svjatoŝin).
*La Ricamarie* (Franc.-Hte Loire). — S-ro Ferrière (90, rue Gambetta).
*Lonavla* (Bombay-Hindujo). — S-ro C. Tedman.
*Meerbeck* (Düsseldorf Germ.).— S-o F. Hausmann.
*Offenbach-a/-M* (German.). — S-ro F. Rolle (Buchrainnweg, 30).
*Rochefort* (Belgujo). — S-ro R. Sandron (Av. de la Gare).
*Sarajevo* (Bosnio). - S-o Fr. Čech (Landregistratur).
*Seille* (Belgujo). — S-ro J Magis (rue du Château).
*Trieste* (Aŭst.). — S-ro E. Polonio (Spedale civico).
*Tilsit* (Germ.).— S-ro D. Cazanowitz (Hohestr. 40).
*Žižkov* (Bohem.). — S-ro J. Kopecký (Krásove ulice 36).

⁂

**Fako 2a. — Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj.**

Laŭ la nova regularo, la laboro de la ĝisnuna fako IIa estos dividata inter la jenaj : fako IIIa, *Konsuloj* ; fako IVa, *Esperanto-Oficejoj* ; fako Va, *Komerco & Industrio* ; fako VIa, *Junuloj.* En la fino de ĉi-tiu monato, niaj Delegitoj ricevos cirkulerojn por la preparado de la servoj organizitaj de tiuj fakoj. Jen por niaj legantoj resumo de tiuj cirkuleroj :

*Konsuloj.* — En ĉiu regiono la Del. estas tre petata elekti konsulon por Komerco & Industrio, konsulon por Junuloj kaj konsulinon por Virinoj. Ĉiuj komunikajoj rilatantaj tiujn fakojn estos adresataj al la Del. kaj transdonotaj al la kompetenta konsulo.

*Esperanto-Oficejoj.* — Estas urĝe, ke ĉiu loko posedu sian Esp.-Oficejon laŭ la unuforma plano, difinita de niaj antaŭaj instrukcioj. La Del. kiuj tion ne ankoraŭ aŭ ne plene efektivigis estas petataj klopodi por starigi tiun necesegan organon. La Subdel., kiuj opinias ke Esp.-Of. estus utila en ilia loko, bonvolu peti de ni la necesajn dokumentojn.

*Komerco.* — Tiu fako sin unue okupos per la organizo de servoj, kiujn tuj povos uzi tiuj komercistoj, kiuj ĉu per eldonado de Esper. reklamiloj aŭ Esp. produktajoj, ĉu per partopreno en nia movado, sin montris pli-malpli Esperantistoj. Kiam al ili ni povos prezenti precizajn servojn kaj ili uzos ilin, ni povos nin turni al tiuj, kiuj ĝis nun staris ekster nia movado. Rilate al tio, ni estas organizantaj unue servon por disdonado de Esp. prospektoj, reklamiloj, gvidiloj, k. t. p., per U. E. A. Ni do petas, ke ĉiu Del. kaj Subdel. bonvolu certigi nin, ke kiam li ricevos provizon da Esp. reklamiloj, senditaj de firmo aliĝinta al U. E. A., li ĝis difinita kvanto disdonos ilin en la Esp. kunvenoj de sia urbo, ilin elmetos ĉe la Esp.-Of., k. t. p. Do, tuj kiam tiu servo estos arangita ĉiuloke, se iu firmo, grupo, societo, k. t. p., deziras disdonigi ĉiulande siajn reklamilojn, gvidilojn, k. t. p., ĝi bezonos nur sin turni al la speciala fako por tio, kiu zorgos pri la disdonado per niaj Del. kaj Subdel. ; ĉar tiu servo estas urĝa, ni tre petas niajn Del., ke ili respondu plej baldaŭ la cirkuleron al ili senditan pri tio.

*Junuloj.* — Por pligrandigi nian kampon de agado kaj konigi al la veraj kaj tujaj interesatoj la servojn, kiujn proponas U. E A. al la gejunuloj, speciale por iliaj vojaĝoj en la fino de iliaj studoj, ni kun la helpo de niaj Delegitoj kaj la grupoj de ilia urbo sendigis leteron al la direktoroj de duagradaj lernejoj, institucioj, edukejoj, k. t. p., por konigi al ili la diritajn servojn praktikajn tuj uzeblajn kaj peti, ke ili informu siajn lernantojn pri tio kaj laŭeble bonvolu organizi kurson por la gejunuloj de sia lernejo, kiuj dezirus profiti tiujn servojn. En la lokoj, kie tiu klopodo estos sukcesinta, niaj Del. estas petataj informi pri tio la publikon per la lokaj gazetoj.

*Enketo.* — Por respondi oftajn demandojn kaj gravan bezonon, ni decidis starigi ĝeneralan nomaron de ĉiuj kongresoj, festoj, ekspozicioj, foiroj, k. t. p., prezentantaj ĝeneralan intereson, kiuj okazos la venontan jaron. La Del. kaj Subd. kaj eĉ simplaj membroj estas do treege petataj komuniki al ni la liston (kun proksimuma dato) de ĉiuj supre nomitaj manifestacioj okazontaj en sia regiono. La rezultatoj de tiu enketo estos konigitaj per la oficiala organo kaj tradukataj nacien por la neesp. gazetoj. Plie, ĉiuj niaj membroj kiuj intencas ĉeesti ian kongreson, feston, viziti ekspozicion, k. t. p., dum la proksima jaro, estas petataj sin konigi S-ro Reimann (Haus 447, Friedberg, Augsburg, Germ.) bonvolas sin okupi pri tiu subfako kaj oni sendu al li ĉion, kio koncernas tiun rubrikon.

## Delegito - Konsuloj U. E. A.

## PRAKTIKAJ INFORMOJ

**Grava avizo.** — Tiuj informoj estu redaktataj mallonge kaj precize ; oni sendu ilin al ni nepre antaŭ la 7a kaj 22a de ĉiu monato por ke ili aperu en la plej proksima no. Ni varme instigas ĉiujn delegitojn, ke ili bonvolu kiel eble plej akurate kunlabori por tiu rubriko, kiu dank'al ilia kunhelpo rapide fariĝos interesa kaj tre utila.

### Aŭstrio.

*PRAHA.*

⁂ Multaj dankaj leteroj, kiujn mi ricevis de niaj fremdaj gastoj, kiuj antaŭ aŭ post kongreso vizitis nian urbon Praha, invititaj de Bohema Societo Esp., pruvas ke fremdaj Esp. estis tuŝitaj de la afableco kaj zorgeco, per kiuj anoj de supredirita societo kun virina grupo arangis ilian restadon en nia urbo Praha.

La vizitoj de fremdaj Esp-istoj efikis, dank'al naciaj jurnaloj, multe je nia loĝantaro, kio estis videbla laŭ tio, ke intereso pri Esperanto multe altiĝis. Pri tiu kaŭzo arangis Bohema societo publikajn kursojn en ses lernejoj po du kursoj. La ĉambroj estas plenaj da lernantoj. La 11an oktobron arangis Bohema Asocio Esper. en 4 Prakaj antaŭurboj paroladojn.

La sama intereso estas inter virinoj, por kiuj arangis la virina grupo du publikajn kursojn.

La 3an oktobron, Bohema Asocio Esp, fondis diversajn fakojn. En fako por turismo estis elektita kiel sekretario Voztêch Kraŭs, delegito de U. E A., kiu malfermis la Esp.-Of. kaj petas ĉiujn, kiuj deziras iu ajn informojn pri turismo, ke ili turnu sin je la adreso : V. Kraŭs. delegito, Praha, 320-I. N. K.

⁂ Esp-istoj bohemaj kreis per fondo de centra asocio „ Bohema Unio Esperantista " (B. U. E.) en 1907 vere modelan organizajon, kiu plej taŭge servas al iliaj rilatoj. En B. U. E. estas centrigitaj ne sole kluboj kaj societoj bohemaj en Aŭstrio, sed ankaŭ izolitaj samideanoj loĝantaj en lokoj, kie ne ekzistas ĝis hodiaŭ iu korporacio en B U E. reprezentata. Por ĉi tiuj estis starigita „ Bohema Asocio-Ligo Esperantista ", kies membroj elektas reprezentantojn por la centra asocio B. U. E. kaj ĝuas ĉiujn rajtojn, kiel membroj de ceteraj kluboj pagante 2 k. de jara kotizajo (kun senpage ricevado de oficiala organo „ Casopis Ceskych Esperantistů " 4 k.). La membroj disponas ankaŭ propran bibliotekon.

Vidante en si centrigitajn je fino de oktobro 1908, 18 societanojn rimarkas B. U. E. plezure, ke jam nur tre malmulte da Esperantistoj staras ekster organizajo, decidis arangi la venontan jaron unuan kongreson de bohemaj Esperantistoj okazontan en Praha. Preparaj laboroj estas jam entreprenitaj de komitato de B. U. E., kiu petas ĉiujn redakciojn raporti favore pri tiu ĉi okazontajo gravega por bohema Esperantistaro.

⁂ *Du gastotabloj* fondiĝis : en Esperanto-kafejo „ Union " (I-342), kie troviĝas ankaŭ Esp.-Of. kaj Kancelario de B. U. E, okazas kunvenoj ĉiuvespere de 7-11 h. ; en restoracio „ u Donatů ", kie estas sidejo de unua „ Esperantista Klubo en Praha ", kunvenoj ĉiu merkrede vespere. La sama societo arangas nun por siaj membroj senpagajn kursojn konversaciajn.

⁂ *Intereso por U. E. A.* senĉese pligrandiĝas multe da novaj Esp-anoj aliĝis. Subdelegito por antaŭurbo Žižkov nomita S-ro Jarosbav Kopecký, Krásova ulice.

Ĉio koncernanta boheman Esperantistaron estu sendata laŭ adreso „ Bohema Unio Esperantista ", Praha I-342, Kafejo „ Union ". J. H.

### Belgujo

*ANTVERPENO.*

⁂ La 13an de Okt. la „ Antverpena Grupo Esperantista " arangis muzikan feston kaj paroladon faritan de S-ro adv L. Sergeant, el Boulogno. Tiu festo, kiu okazis en la marmora ĉambrego de la Reĝa Societo de Zoologio, bonege sukcesis. F-ino J. Flament, fama kantistino kaj profesorino ĉe la muziklernejo en Bruselo kaj S-ro Hanauer, el Frankfurt, aplaŭdigis sin per siaj belaj kantajoj ; ankaŭ la ĉi-tiea kvaropa sinfoni-orĥestro Van den Eynde havis belan sukceson.

Post la koncerto S-ro Sergeant faris propagandan paroladon, kaj S-ino Sergeant deklamis.

Unuvorte, tiu festo, pri kiu favore raportis la Antverpaj gazetoj, treege helpos la antaŭeniradon de Esperanto en nia urbo. F. S.

### Francujo

*PARIZO.*

⁂ La Delegito sciigas ĉiujn korespondantojn ke, pro la multego da petoj, li de nun neniel atentos pri letero aŭ poŝtkarto kies respondo ne estos pagita.

*TOURS.*

⁂ La Esp. Grupo de Tours montris lastatempe plej grandan viglecon. Du sukcesplenaj paroladoj estis faritaj, unu en Tours de la prez. D-ro Grodvolle, Del. de U. E. A. pri la Dresdena kongreso ; alia en Chinon de la vicprez. S-ro Grosjean por fondi grupon. Plie, la grupo arangis kursojn por legado kaj interparolado, por infanoj, militietoj, komercan kurson kaj te-kunvenojn.

⁂ Ankaŭ en Tours okazos de la 3a ĝis 8a de nov. granda nacia ekspozicio de krizantemoj, organizita de la urbestraro. Ni ne dubas, ke tiu ekspozicio estos belega en la Tours-regiono, nomata prave « ĝardeno de Franclando ».

### Germanujo.

*DANZIG.*

⁂ La Danciga Esp.-Asocio havis en la granda ĉambrego de Gewerbehaus sian monatan vesperfeston. La prologo de prof. Dro Schultz estis aplaŭde akceptata. Talentaj F-inoj Staegemann lerte ludis « La Lingvo-instruado » de S-ino A. Tuschinski. Esperantismo ekeniĝos perforte en la societon kaj en tiu senco en kiu S-ro Emmert ĝin klarigis en sia parolado.

⁂ La 19an de nov. la Danciga Esp.-Asocio havos sian 1an fondfeston en Gewerbehaus kaj tie dum la festhoroj, ĝi arangos Esp.-Informejon La Del. S-ino A. Turohinski petas diversajn firmojn afable sendi al ŝi senpage specimenojn, provajojn, propagand. ĉiuspecajn. Bona reklamo estos farita por ili. (Adreso : 6, Mattenbuden).

*FRANKFURT-a/-M.*

⁂ Ni havas la honoron informi, ke la „ Kvaro por la propagando en Frankfurto kaj ĉirkaŭajoj " ne plu ekzistas kaj ke anstataŭ ĝi fondiĝis societo „ ESPERANTIO ", kiel propag. parto de la Frankfurta Esp grupo. La membroj de la dirita „ Esperantio " estas nature ankaŭ Esperantianoj.

⁂ *Konsulino* por virinoj estas F-ino Margot Hurez, Vogelsbeystr. 11-I ; akcepthoroj 1-3 h. tagmeze.

⁂ *Subdelegito* por *Offenbach-a/-M.* estas S-ro Fr. Kolb, Buchrainweg, 30.

*HANNOVER.*

⁂ La adreso de la Esp.-Oficejo kaj U E. A. Del. P. Tarnow estas nun Paulstr. 9-I. — En septembro, la grupo komencis du kursojn. — La « Continental-Caoutchouc & Gutta-Percha Compagnie » koresp. Esp.

*KOLN.*

⁂ La konsekvencoj de la IVa Kongreso nun rimarkiĝas ankaŭ tie ĉi, kie ekzistis tre malmulte da intereso por Esp. S-ro Beimann faras nun sukcesan kurson en Köln kaj en najbara loko Burscheid kun ŝatinda nombro de partoprenantoj.

*METZ.*

⁂ S-ro H. J. Hoen, Subdel. U.E.A., multe interesiĝas pri la kondiĉoj de naturalizado en la diversaj landoj, kiujn rajtojn kaj malprofitojn havas fremdulo, kaj kiujn rajtojn li akiras post naturalizado kaj post kiom da tempo. La kompetentuloj estas treege petataj respondi al li pri tio.

### Holando

*LA HAGO.*

⁂ Esper.-Oficejo estas fondita en la Hago (Gravenhage, La Haye), Plaats 1a.

En la Oficejo la samideanoj trovos S-ron A. Knegt, U E. A. delegiton. La oficejo estas malfermita ĉiutage de 12 ½ — 1 ½ ; ĉiulunde de 8 – 10 kunveno de la Haga Esp. Klubo. Por skribaj informoj oni estas petata sendi respondkuponon. La Ofic donas informojn pri ĉio (ankaŭ pri turismo, loĝado, k. c., en Holando. Samideanoj povas adresigi tien siajn leterojn ; oni akceptos abonojn por gazetojn kiuj petas tion. La Ofic. nur respondas al letoroj, skribitaj en la Zamenhofa lingvo kaj nur helpas Zamenhofajn Esperantistojn.

*Peto.* — Por propagando la eldonistoj de gazetoj, ŝlosiloj, k. c., estas petataj sendi specimenojn, ankaŭ katalogoj de komercistoj, esperante presitaj, estos dankeme ricevitaj.

### Italujo.

*BOLONJO.*

⁂ La Esp-anoj transveturontaj Bolonjon trovos ĉiun komforton, ĉiuspecajn informojn kaj gvidanton en *Esperanto-Hejmo.* Sufiĉas, ke ili donu al veturigisto jenan adreson : A. Tellini, Mura d'Azeglio, Vallescura 600.

### Rusujo.

*MOSKVO.*

⁂ Tre konata en Rusujo eldonista firmo „ Posrednik ", kiu estas patronata de L. Tolstoj kaj gvidata de la plej proksimaj al li homoj, komencas eldonadi serion de esperantistaj libroj. Krom tio en la rusa tre influa jurnalo, eldonata de la sama „ Posrednik ", „ Svobodnojc Vospstanie " (Libera edukado) malfermiĝas konstanta fako pri Esperantismo ; tiu ĉi fako komenciĝas per la artikolo de D-ro Kabanov „ pri la instrua kaj eduka signifo de L. E. ". Fine la firmo Posrednik baldaŭ komencos eldonadi la jurnalon por junuloj ; en tiu ĉi jurnalo estos ankaŭ la konstanta fako pri la L. E.

⁂ En Moskvo je la 9a de oktobro efektiviĝis la kunveno de kuracistoj, en kiu estis akceptitaj jenaj tre gravaj decidoj : aniĝi tutmondan Esp. kuracistan Asocion (aniĝis 26 kuracistoj, inter kiuj du universitataj profesoroj) kaj fondi Tutrusan Esperantistan Kuracistan Societon (detalajoj pri tiu-ĉi kunveno estas presitaj en „ Voĉo de Kuracistoj " ). N. K.

### Svedujo

*HELSINGBORG.*

⁂ De longe estas bona kutimo ke la loĝantoj en la landoj ambaŭflanke de l'Sundo (Orësund), reciproke grandare vizitas, unuj la aliajn. La paca signifo de tiaj vizitoj estas nedisputebla. Tiamaniere, precipe dum la lastaj jaroj, gelernantoj el la publikaj instruaj institutoj de l'nomitaj ambaŭaj landoj, Svedujo kaj Danujo, faris similajn vizitojn, kaj ĉie la infanoj estas akceptitaj tre kore kaj gastame. Danoj kaj Svedoj komprenas, unuj la aliajn, tre bone, kio sole ebligis interŝanĝajn. Estas la diversaj lingvoj, kiuj ĝis nun malebligis al la lernejaj infanoj tiajn vojaĝojn pli malproksimen. Sed dumtempe Esperanto trapasis la mondon, kaj per tio la lingva barilo estas renversiĝita.

Kion vi, Samideanoj, pensos pri vojaĝo, entreprenota de Svedoj lernantoj-infanoj tra Eŭropo, eble ĝis la kongresurbo Barcelono, proksiman someron ? Kiel delegito de U. E. A. mi jam ekpreparis por tiu ĉi vojaĝo per arangi senpagajn Esperanto-kursojn por infanoj ĉe ĉi-tieaj publikaj lernejoj. Dudek infanoj partoprenas la kursojn, duone knaboj kaj duone knabinoj. Tiuj ĉi dudek geknabetoj, laŭ mia intenco, formigos la unuan turistan grupon de tiu ĉi speco. Se ili povus dum la vojaĝo montri ion speciale Svedan, ekzemple nian mondkonitan gimnastikan sistemon, al la diverŝlandaj samideanoj, estus tiom pli bone.

Tion ĉi mi volis sciigi al la Delegitoj en malsamaj lokoj por ke ili povu helpi al la realiĝo de la ĉi supre priparolata ideo, kiu ŝajnas al mi tre bela kaj ankaŭ, per afabla subtenado de ĉiuj Sam-anoj, kiuj aprobas la ideon, facile realigebla.

G. H. BACKMAN, *Del. de U. E. A.*, Helsingborg (Svedujo).

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

### Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj.

*Niaj artikoloj.* — Hodiaŭ aperas la lasta parto de la interesa artikolo de S-ro Bottin. La proksiman numeron ni eldonos la artikolon anoncitan de S-ro W. Baff (Usono).

OFICIALA INFORMILO

La IIIa ĝenerala kunveno de l'Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj okazis la 18an kaj 19an de aŭgusto 1908, en la Teknika lernejo de Dresden'o, dum la Esperantista kongreso, laŭ § 2a de la regularo.

Pro la neĉeesto en la Kongreso de lia prezidanto, S-ro Michaux, la Societo elektis por prezidi la kunvenon S-ro Page, vicprez. de l'I. S. E. J. por Skotlando.

La prezidanto konigas al la ĉeestantaro ke

S-ro Michaux sin senkulpigas kaj kore salutas la samideanojn de l'I. S. E. J. S-ro Page proponas ke la kunveno al li sendas sian plej koran saluton. (Aprobita unuanime).

S-ro Sergeant, sekretario, sciigas ke S-ro Ellis, vicprez. por Anglujo, devas ĉeesti la kunvenojn de la lingva komitato, kiuj okazas samtempe kiel la societaj kunvenoj. Pro tio, lin senkulpigas.

La sekretario raportas pri la situacio de l'I.S E J. kiu estas kontentiga, li sciigas ke la Societo kiu enhavis 7 anojn en la fondita kunveno, kaj 70 en la 2ª ĝenerala kunveno, nune 145 anojn enhavas. Li esperas ke la nombro de la anoj ĉiam sekvos la saman proporcion. Li donas sciigojn pri la laboro ĝis nun farita por la vortaro, la propagando inter juristoj, la dissendon de ĵurnaloj, artikoloj, regularoj, k. t. p.

S-ro Degon, vicprez. por Francujo legas interesplenan raporton pri la vortara laboro.

Pri la frua horo de foriro por Meissen, la kunveno decidas daŭrigi la kunvenon la morgaŭan tagon.

En tiu dua tago de kunveno, oni diskutas pri diversaj proponoj.

Proponoj de S-ro Delayen, el Parizo, pri ŝanĝo de la kotizaĵoj, pri propagandaj rimedoj, aldono al la regularo, k. t. p.

Propono de S-ro Degon, el Douai, pri la laboro de la vortaro. *(Daŭrigota).*

## Esperanta Psikistaro.

**Internacia Unuiĝo por Psikisma studado per "Esperanto"**

*Hipnotismo, Magnetismo, Telepatio, Spiritismo,* k. t. p., k. t. p.

Sub la titolo " ESPERANTA PSIKISTARO " fondiĝas internacia unuiĝo per Esperanto, por internacie studadi la psikismajn aferojn (fenomenojn, dokumentojn kaj laŭvola teoriojn).

" *Esperanta Psikistaro* " sin turnas al ĉiuj esperantistoj kiuj estas samtempe psikistoj (ĉu hipnotistoj, ĉu magnetistoj, ĉu telepatistoj, ĉu spiritistoj, k. t. p.).

Gi sin turnas ankaŭ al ĉiu psikistoj kiuj bonvolos iĝi esperantistoj.

Oni povas antaŭvidi estontan tempon kiam ĉiu el la diversaj psikistaj kategorioj povos starigi propran sendependan federacion per Esperanto, sed por la nuna tempo taŭge estas ke ĉiuj psikistaj fortoj sin kunarigu en unu fasko, por fundamente enradiligi la internacian helpon de Esperanto al ĉiuj psikismaj studadoj.

# ANONCETOJ

### TARIFO

*Korespondado.* — Ĉiu enskribiĝo kostas 30 spesdekojn (fr. 0.75 ; 7 d. ; m. 0.60). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. La literoj P I. montras la korespondadon per poŝtkartoj ilustritaj ; la litero L. montras korespondadon per leteroj ; la literoj P M. montras interŝanĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage sian nomon unufoje.

⁂

## Korespondado

*Toulon* (Franc.). — S-ino Brun, r. Marie-Thérèse, 3 (Mourillon). PI.

*Huy* (Belg.). — S-ro A. Beaujan, r. St-Mengold. PM.

*Moskvo* (Rus.). — S-ro Ĥoĥlov, 18 poĉtovoe stdelenie, Mariino. PI.

*Longwy* (M.-&-M., Franc.). — S-ro Tabresse, 162ᵉ rég infant., 140 C. (kun balkanaj kaj neeŭropaj). PI.

*Leipzig* (Saks. Germ.). — F-ino M. Rothschild, Löhrstr. 6 I₂. PI. ; S-ro A. Triedemann, Wurznerstr. 15 b. PI.

*London* (Angl.). — F-ino Harradine, 21, Leigham, Garden's Mountnod Rd, Streabham. PI. (kun gejun).

*Beaune* (Franc.). — F-ino C. Lévêque, r. Pasumot. PI., L. ; Ges-oj Clément-Fraisse, r. Manfoux. PI. ; F-ino A. Müller, maison Matthieu, faub. Bretonnière PI. (kun nefrancoj).

*Sabadell* (Barcel. Hisp.). — PI. : S-oj P. Ustrell, str. Estrella, 77 ; R. Pont, str. Antoni, 13 ; S-roj A. kaj B. Leonart, str. Gracia 65.

*Samopamoŝĉ* (gub. Petersb. Rus.). — S-ro A. Ogloblin, 11 doraga PK.

*Rostov* (-na-Donn, Rus.). — F. M. Porosjnkov, Nikolskij perenlok, 109. PI.

*Kiev* (Svjatoŝin, Rus.). — S. Kondratjev, 287, Puŝkinskaja. PI., PM.

*Bucuresti* (Ruman.). — Str. I. C. Bratianu 5 : S-roj M. Doré, A. Schwarzmann, C. Mieluta, B. Merscovici, I. Tanach, C. Balteanu ; F-inoj L. Cohn, R. Rubinstein. PI. L.

*Barcelona* (Hisp.). — F. Igual, str. Universitad 71 - 2º, 2ª. PI.

*Varsovio* (Pol.). — F-ino H. Nordwind, St Jerska, 30, PK. L. (pri muziko, kanto, kompoz.) ; F-ino H. Wegrzýska, str. Nowogrodzka 29-38. PK.

## Petoj & proponoj

**Sveda kantaro.** — 30 traduk. svedaj kantoj. Prozo : 0,20 ₷ ; ĉiuj, kiuj *tuj* sendos responkuponon al E. Fiun, Sala (Sved.), senpage ricevos ĝin.

---

**Antaŭ ol** akiri domojn, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano *L. Scarselli*, via Agnolo, Firenze (Italujo).

---

**Esperantista Hejmo.** — M. Guérard, 38, r. de la Tour-d'Auvergne (Parizo), je dek minutoj de la Grandaj bulvardoj : ĝardeno, fortepiano, biblioteko, ludoj, komfortaj ĉambroj. — Moderaj prezoj. — Oni parolas Esp., Angle, France.

---

**Katalogo.** — Firmo A. Tellini kaj filoj (Bologna, Ital.) aperigos katalogon de ĉiaj ital. produktaĵoj. Oni ĝin petu per ilust. aŭ duobla poŝtkarto.

---

**Korespondanto.** — Mi volas fariĝi korespondanto al ia Esp. gazeto. Proponoj kun kondiĉoj adresu al Francisko Cech ĉe landegado Registraturo, Sarajevo (Bosnia).

---

**Oficoo.** — Neŭtra Moresneto (493 99). S-ro Ch. Schriewer, 19 j., uzanta flue esperantan kaj francan lingvojn, kaj parolanta ankaŭ la germanan, serĉas oficon. Oni sendu la proponojn al la Esp. Konsulo de N. Moresnet.

---

**Ofico.** — Jonko Davidoff, Silistra (Bulgarujo), serĉas galvaniziston por sia fabriko. Oni skribu pri si mem, sia aĝo, lingvoj kiujn oni parolas.

---

**Papilioj.** — S-ro A. Gannier, 4, rue des Lisses, Chartres (E. & L., Francujo), deziras interŝanĝi papiliojn el la tutmondo.

---

**Ofico.** — 26 jara esp-isto., franca, tre deziras trovi oficon en magazeno de ŝtofoj, Germanujo aŭ Svisujo, por perfektiĝi en germana lingvo. Bone konas la komercon. Por proponoj sin turni al « ESPERANTO », 8, rue Bovy-Lysberg, Genève (Svislando).

---

**Aferistoj.** — Profitigaj mondeponoj kontraŭ unuagradaj garantiaĵoj estas perataj de *Hjalmar Bäckström*, Stockholm, c. *Telegrafadreso : Esperanto.*

## Komercaj reklamoj

**Poŝtmarkoj.** — S-ro E. Aubrée, 18, r. Nationale, Fougères (*Ille-&-Vill*, *Franc.*), deziras interŝ. P-M. laŭ katalogoj : Sent-Yvert-Gibbons.

---

**Averto.** — Pro granda okupateco, mi devos de nun forlaseti mian korespondadon. Mi tamen volonte legus sciig. de miaj ekskoresp, al kiuj mi de tempo al tempo mallonge rememoriĝos. Leŭt. Silvestriev, Sumen, Bulgar.

---

**Poŝtkartoj.** — S-ro A. Muniesa, St. Duran, 71 (*Sabadell*, Barcel. Hispan.) estas preta sendi hispan. belulinon al ĉiu fremda esp-isto de la tuta mondo, kiu dez. interŝ. tiajn PK.

---

**Komerca vojaĝisto** dez. koresp. kun neangla samprofesiano. Skribu al Skerratt, Victoria Av., Canton, *Cardiff* (Brit.).

---

**Vojaĝantoj, atentu :** La Leipsigaj Samid. tagmanĝas en Auerstr. 30-I.

---

**Adresŝanĝo.** — Prof. Bousquet kaj lia filo sciigas siajn gekoresp. ke ilia nova adreso estas : Collège Aubusson, *Creuse* (Franc.).

---

**Ekspozicio.** — S-ro I. Giuglea, Elefterie nou 4, Bucuresti petas ke oni sendu al li por ekspoz. industriajn, komercajn, k. t. p. reklamojn.

---

**Studentoj** esp. de art-industria lernejo en Moskvo dez. interŝ fotogr. kaj leter kun ĉiuland. samlernejaj kolegoj, Oni sin unuafoje turnu al M. Sapkin, Ĥudojestrenno - Promiŝlennoe uĉiliŝĉe de Stroganov.

---

**La ĉapelpingloj por Sinjorinoj esperantistaj** kiuj tiom sukcesis dum la Kvara estas aĉeteblaj ĉe S-ro E. Gabert, r. Claude-Delaroa, 10, St-Etienne (Loire), Francujo. Prezo : Francujo 60 Sd. (1 fr. 50) alilando 66 Sd. (1 fr. 65) afrankite.

Specialaj prezoj por la vendo pogrande.

Oni sendu la monon poŝtmandate.

---

**Rozarbetoj.** — Vienne (Isère-Francujo). — S-ro Philibert Moussier, rozkulturisto, rekomencas siajn sendaĵojn tra la mondo, kaj sendos kiel reklamon, poŝtan paketon da 3 kg. enhavanta de 10 ĝis 15 belegajn diversaĵojn de rozarbetoj, po poŝtmandato da kvin frankoj, kosto de l'transporto plie.

---

**La Esp. Librejo,** mazowiecka 4, leĝ. 22, Varsovio (Polujo), petas eldonist. kaj komercist. por sendo de specimenoj kaj vendkondiĉoj de ĉiaj propagandiloj kaj komercaĵoj esp.

---

**Komerco.** — Firmo por importo kaj eksporto en Italujo, A. Tellini kaj filoj. Bologne, casella postala 12, aŭ Mura d'Azelio, 600.

---

**Hotelo.** — Hotel des Trois-Rois (esperantista), strato St Rémy, Meaux (Francujo).

---

**Piedŝvito.** — Nepra kuracilo, sendanĝera por la sano. Brissonnet, apotekisto, en Loches (I. & L., Francujo). Poŝtmandata prezo : Francujo, 1 Sm., alilando, 1,20 ₷.

---

**Marmoroj.** — S-ro R. Richer, en Peruwelz (Belgujo) kaj Fresnes-Nord (Francujo), vendas ĉiuspecajn marmoraĵojn : kahelarojn, kamenojn, altarojn, tombajn monumentojn, k. t. p

---

**Standardoj.** — Esperantaj kaj diversnaciaj, artikoloj por ornamo kaj iluminado, esper. ŝildoj blazonformaj, kravatpingloj elektraj stelformaj, insignoj, poŝtuketoj, brakbantoj, k. t. p. Oni petu la prezaron. S-ro L. Cuzon, 52, r. de Paris Charenton (Seine, Francujo).

---

**Gesamideanoj Rotterdam !** — Ĉiuĵaŭde vespere je la 8ª, amika kunveno, Granda Hotelo Coomans, Hoofdsteeg. Koran bonvenon al ĉiuj.

---

**Silkaj Esperantaj flagetoj.** — Taŭgegaj varbiloj kaj propagandiloj uzeblaj por ornamado de Esp festsalonoj Amplekso : 11/16 cent. Prezo : 12 Sd. unu. Speciala rabato al la grupoj kaj Esp.-Oficejoj por mendo de 50 ekz. Haveblaj ĉe S-ro B. Peyraud, 41, rue de la Loire, St-Etienne (Francujo).

---

**Kuraciloj, Drogoj, Ĥemiaĵoj.** — Farmacisto, en Parizo, delegito-konsulo de U. E. A. sin proponas por reprezenti nefrancajn firmojn, kiel deponeja agento. Adr. C. Rousseau, 4, pl de la République, Levallois-Perret (Seine), Francujo.

---

**Reklamo,** — S-ro C.-A.-G Browne, reklamagento, 53-54, Wych-Street, London, W C. (Anglujo), deziras korespondi kun Esperantistoj pri anoncado en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

---

**Vinoj.** — *Vinoj ruĝaj, blankaj kaj maljunaj,* nepre naturaj kaj altgradaj (10 ĝis 18º). Sin turni al S-ro. Andreu, *Fourques* (Pyr. O.) France.

---

**GRAVA AVIZO AL LA ESPERANTISTOJ**

De la firmo **Louis REYNAUD,** fabrikisto de **rubandoj, ordenoj, signoj ĉiuspecaj,**

**18 & 20, place Jacquard, Saint-Etienne (Loire). France**

estas ricevebla afranke, per poŝto rekomendita, kontraŭ mandato aŭ « bon de poste » :

1ᵉ Belegan fotografaĵon de D-ro Zamenhof, teksitan sur bela silka rubando kaj enkadrigita kartone, Fr. 2 —.

2ᵉ Kordono — Skarpo esperantista, Fr. 2,50

3ᵉ Zono esperantista por sinjorinoj (longo 80 cm.), Fr. 1,50.

4ᵉ Banto esperant. por butontruo, Fr. 0,75.

*Specialaj prezoj por la vendo pogrande.*

Ĉiuj petoj pri sciigoj ricevos respondon per revenanta poŝto.

---

# Atentu !

***Estas aĉeteblaj ankoraŭ kelkaj plenaj kolektoj de « Esperanto »***

(De Nº 1 ĝis 42) po 2 ₷ (5 frankoj).

Oni nepre profitu **tuj** ĉi tiun okazon, kiu baldaŭ ne plu prezentiĝos.

Sin turni al la **Administrejo de « Esperanto »,** *8, rue Bovy-Lysberg.*

---

**VERDA STELO "ESPERANTO"**

(déposé — registrita)

**la plej bela — la plej malkara — la plej malnova**

*sole internacia signo esperantista*

1 pinglo, broĉo aŭ kravata pingleto : fr. 0,75. 10 : fr. 6 ; 100 : fr. 45

(ĉiom afrankite kaj rekomendite)

ĉe **Emilo Gasse,** 77, rue Ernest Renan, Havro (Francujo). — **Deponejoj** ĉe : Belga Sonorilo, — Germana Esperantisto, — Pola Esperantisto, — Esperantisten, — Amerika Esperantisto, — Librejo Esperanto (Moskvo), — Esper. Oficejo (Liverpool), kc.

---

**GALLIOT & DELPIERRE**

Marfiŝsendistoj

**Boulogne - sur - Mer**

Oni korespondas Esperante

| Neta enhavo | Delikata kvalito | SPECOJ |
|---|---|---|
| 1 kg. | 1 fr. 75 | Rouget – Dorade grise- |
| 2 kg. | 2 fr. 80 | Vive - Carrelet - Merlu - |
| 3 kg. 500 | 4 fr 50 | che-Cabillaud-Anguille- |
| 4 kg. 500 | 5 fr. 30 | Maquereau-Colin. etc. |

Afrankite kaj enpakite, en stacidomo.

---

**TOBLER'A**

**Bonega Svisa Lakta Ĉokolado**

★ *Espero* ★

kun Esperanto-Ĵurnalo ilustrita,

**cie aĉetebla**

---

Liverantoj de Mustardo kaj Amelo al la Reĝo

Laŭ privilegio

**J. & J. COLMAN**

(Akcia Societo)

MANUFAKTURISTOJ DE

MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO

KAJ

BRITA RIZFARUNO

**108, CANNON STREET, LONDON**

**kaj CARROW WORKS, NORWICH (Anglolando).**

---

FELIETONO DE " ESPERANTO " 8

# LA PATRINO

de **Ernst ZAHN**

(trad. J. Ŝmid, Bern).

Tiel supera estas ties persista forto, ke li estras la patron laŭvole, kaj precipe tiu ĉi ekkono ŝajnas ŝanĝi lian antaŭan koleron en subitan bonhumoron.

« Tute kvieta vi restu », li ridas, kaj poste : « ĉu vi vidas, ke vi nenion povas fari ! »

Dum li diras la lastajn vortojn per ia triumfo, li malsuprentenadas la maljunulon per nur unu pugno.

Tobias estas kvazaŭ rompita. Li spiregas kiel sufokiĝanto.

« Lasu la patron », diras Balbino.

Georg obeas. Antaŭe pro lia kolero ŝia voĉo ne sukcesis, nun al li revenas la timo, kiun li ankoraŭ ĉiam havas je ŝi, kvankam li ŝajnas perdinta ĉiun honton kaj timon.

La patro stariĝas, pene, tuseto elvenas el lia brusto. Laciĝita li sidiĝas post la tablon, kaj la kubuton apogantan sur ĝin, li sidas antaŭen klinita kaj fikse rigardas teren. Li ne plu fariĝas estro de l'filo — li — tiu ĉi ekkono al li prenas ĉiun forton.

Balbino aliris la pordon. « Envenu aŭ restu ekstere », ŝi diras al Lene, kiu tremegante ankoraŭ staras en la koridoro. Poste ŝi fermas la pordon. La knabino restis ekstere. Longa, kiel Balbino estas, ŝi per la verto preskaŭ tuŝas la plafonon, dum ŝi trairas la salonon. Georg staras ĉe la fenestro kaj elvidas en la lunnokton. Lin alproksimiĝas Balbino.

« Ĉu vi do scias, kion vi faris ? » ŝi demandas.

Li suprentiras la ŝultrojn. « Li lasu min trankvila ! »

« En la biblio estas skribita, honoru la gepatrojn », diras Balbino ; ŝi parolas ĉiam per la sama abrupta, sensona maniero.

Georg aŭdigas mallongan « ba ». Poste li ree suprenjetas la ŝultrojn kvazaŭ li volas diri, ke li intencas fini la aferon. « Ne estas priparolinda », li diras senzorge, « postmorgaŭ mi veturos Baselon ; la dudekan foriros la ŝipo. » Post tio li sekrete rigardas la patrinon. Ŝia vizaĝo montras fremdan mienon, ŝiaj okuloj brilas sub la ombraj brovoj kaj daŭre rigardas lin direkte. Li sentas kiel ili en lia vizaĝo kvazaŭ serĉas ; ŝajnas kvazaŭ Balbino pro tiu rigardado tute forgesis kion li diris ; ŝi tamen devas esti aŭdinta ĝin, ĉar ŝi nenion plu respondas. Ŝajnas ke ŝi mute konsentas pri lia restado ĝis postmorgaŭ.

Poste li regajnis la manieron, laŭ kiu li ĉiam agas, kvazaŭ nenio en la mondo lin tuŝas ; li trankvile sidiĝas ĉe la tablo, ĉe kies angulo la patro ankoraŭ fikse teren rigardas, prenas ĉifitan libron, ia ajn kolportromano, el la brustpoŝo kaj komencas legi. La patro leviĝas kaj eniras la dormoĉambron apudan. « Kun vi mi ne plu sidos ĉe la sama tablo », li diras elirante.

Balbino iras kaj venas en la ĉambro. Nun ŝi vokas Lene. « Alportu vian litaĵon. En mia ĉambro vi dormu tiun nokton. »

Post momento la knabino, ŝarĝita per litaĵo, eniras la salonon ; ŝi ne riskas levi la okulojn kaj kun klinita kapo ŝi trapaŝas la stubon kaj iras en la ĉambron.

Georg sidas ĉe la tablo kvazaŭ li vidas nenion, oscedas de tempo al tempo, sed sekrete kaj el duone fermitaj okuloj lia rigardo avide persekutas la knabinon. Ardo fluge trakuras liajn vangojn. Malbonan avidon li montras, kiun li akiris kaj tro ofte dum malregula vivado en Ameriko kontentigis, kaj tial ne plu povas venki ĝin. Kiam io ne estas atingebla al tiu malvirto, tiam ĝi plej akre ekflamas. Tial li avidas je la gracia Lene, kiu neniel konsentas !

Dume Balbino faras diversajn malgravajn laborojn, jen ĉe la ŝranko, jen ĉe la forno, kiu servas kiel provizejo, kaj jen ĉe la kesto sub fenestra benko. Sed Georg sentas, ke ŝi ĉiam lin rigardadas, sekrete de ĉe la ŝranko, la pordo, kaj dum ŝi serĉas en la kesto. Nevole li pli profunden ŝovas la nazon en la libron. Balbino ne ĉesas. Ŝi kvazaŭ esploradas lian vizaĝon dum ŝi laboras ; ĉiam ŝajnas al ŝi, kvazaŭ li ne estas ŝia filo, ne tiu kiun ŝin naskis, kiu foriris antaŭ jaroj, ne kiel modelo de boneco, sed tamen ne malbonulo. Sed ju pli ŝi lin rigardas, des pli ŝi trovas la antaŭajn trajtojn. Certe li tiu estas, nature li tiu estas ! Kaj ju pli certe ŝi en li ekkonas tiun, kiu tiam forvojaĝadis, des pli klare al ŝi revenas la rememoro pri lia infaneco, pri la knabo, kiun ŝi tute kaj fortike obeigis. Kaj pri la ĝojo pri li, la beleta gaj gaja infano, ŝi memoras. Kaj... kaj la bildo, pri kiu ŝi tiam ĝojis, tute rompita ĝi devus esti ?!

Kiam Georg jam de longe supreniris sian dormoĉambron, Balbino ankoraŭ sidas en la salono kaj pripensegas, ĉu tio povas esti eblo kun li, kun lia filo.

La venontan tagon Balbino frutempe leviĝas. Tobias matenmanĝis kaj jam de longe estas ĉe sia laboro, kiam Georg venas el sia ĉambro. La virinoj sidas ĉe sia lakto kaj enpecigas la panon, kiam li eniras kaj miras, ke ambaŭ portas dimanĉan veston. Balbino ne salutas, ankaŭ Lene ne levas la okulojn. Kun abrupta « tag' » li sidiĝas post sia taso kaj enverŝas por si. Kvazaŭ nenio okazis la antaŭan vesperon, li demandas : « Kien vi vojaĝos, vi, hodiaŭ ? »

*(Daŭrigota).*

Pres. Ch. Zœllner, Genève